# KATOLIKA MONDO

9a Kolekto
No. 12

Monata Aldono:
La Juna Batalanto

Ĉefredaktoro
Pastro D-ro Joseph Dieninghoff,
religia profesoro en Apostola Gimnazio, en Köln
KUNREDAKTOROJ: Prof. Carolfi, OFM, Italujo; Kaspar Mayr, Aŭstrujo; Prelato A. Dombrowski, Litovujo; Pastro M. Kara, Polujo; Prof. P. Muffang, Francujo; W. Solzbacher, Germanujo; Pastro Johano Kozma, Hungarujo.

Adreso por ĉiaj sendajoj: K. M., Köln-Lindenthal




Aperas duonmonate
1a Septembro 1928

Fondita
1921

Esperanto-Organo de
Internacio Katolika

ABONO: egalvaloro de 1,80 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la ĉefadministracio aŭ ĉe la poŝtoficejo.
REKLAMO: Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,— sv. fr. — Anoncetoj po enpreso (ĝis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).

POŜTĈEKAJ KONTOJ: Beograd 68009. - Bruxelles 185734 - Budapest 59169 - 'sGravenhage 125537. - Köln 76105 - Paris 80061. - Praha 77396 - Roma 1/2600. - Warszawa 190972. - Wien 162478.

# POST LA KONGRESOJ.

De Wilhelm Solzbacher.

En la katolika mondo nun regas alta konjunkturo pri internaciaj kongresoj. Antaŭ kelkaj jaroj nur tre malofte oni aŭdis pri tiom danĝera entrepreno, en ĉi tiu jaro okazis kelkaj dekduoj pri la plej diversaj temoj kaj en la plej diversaj landoj. KATOLIKA MONDO devus raporti pri ĉiuj, tamen vi facile komprenos, ke por tio mankas la loko. En mia ĉambro kuŝas montoj da dokumentoj ĉiuspecaj kaj ĉiulingvaj, kiujn aisendis afablaj propagandemaj sekretariejoj aŭ fervoraj partoprenintoj el nia movado: gazeteltranĉajoj, raportoj presitaj, multobligataj, manskribitaj, manuskriptoj de paroladoj, tekstoj de decidoj, rezolucioj, tezoj, direktivoj, manifestoj, alvokoj, listoj de kongresanoj, organizajoj reprezentitaj, salutleteroj ricevitaj... Jes, estus necese, eldoni en aŭtuno kiel aldono al K. M kelkcentpaĝan «Dokumentaron pri internaciaj katolikaj kongresoj kaj organizajoj»... En la lastaj monatoj internacie kongresis i. a. la katolikaj virinoj, junulinoj, laboristoj, politikistoj, studentoj, sindikatanoj, jurnalistoj, Esperantistoj, alkoholkontraŭuloj, fakuloj pri misioj, industria problemo, filmo, radio, reĝeco de Kristo, karita agado, socialaj lernejoj, kulturo, literaturo ktp. Kaj oni fondis novajn internaciajn sekretariejojn, kelkfoje sen la plej primitivaj kaj necesaj preparoj. Ia riĉa katolika privata entrepreno deziranta pliigi siajn famon kaj influon, donis la unuan monon, oni fabrikis manifeston, statutojn, direktivojn, komitaton kaj leterpaperon, kaj nun tuj ĉio funkcias — aŭ ne funkcias. Ŝajnas, ke oni ofte ne sentis la altan respondecon, kiun postulas internacia organizo. Oni nun en la katolikaro tro facilanime kaj senprepare fondas novajn internaciajn asociojn kaj sekretariejojn — preskaŭ same kiel en Esperantujo.

Por la legantoj de K. M. ŝajnas al mi speciale gravaj tri kongresoj: la **I-a Internacia Katolika Laborista Kongreso** en **Kœln,** la **VIII-a IKA-Kongreso** en **Bregenz** kaj la **XIII-a Internacia Katolika Esperanto-Kongreso** de IKUE en **Tilburg.** Pri ĉiuj tri legos detalajn raportojn. Tamen permesu al mi nun, fari kelkajn principajn (eble kelkfoje ankaŭ kritikajn) rimarkojn pri tiuj tri kunvenoj, skizante miajn impresojn.

## LA IKA-KONGRESO EN BREGENZ.

Ĉirkaŭ la sociala episkopo **Msgr. Waitz** kaj la IKA-prezidanto **Msgr. Pfeiffer** ariĝis en la bela urbeto je la aŭstra bordo de la Lago Bodensee grandeta nombro da teologoj, juristoj, ekonomiistoj kaj kelkaj aliaj, por komune kaj internacie studi la aktualan problemon «La moderna industriismo en la lumo de la katolika mondkoncepto». La kongreso aspektis tre «nigre», t. e. la plimulto estis pastroj, parte profesoroj de moral teologio, parte pli junaj teologiistoj Ĉeestis tre famkonataj eminentuloj el diversaj landoj. Mi nur citas la nomojn de la paroladistoj: episkopo Msgr. **Waitz** (Aŭstrujo), D-ro F. X. **Landmesser** (Germanujo), Msgr. **Ildefonso Montero Diaz** (Hispanujo), **P. Horvath O. P.** (Hungarujo), Prof. D-ro **Molitor** (Germanujo), D-ro **Kœnig** (Germanujo), **P. Arnou S. J.** (Francujo). Krome estu nomataj: **P. Lusser O. S. B.** (Svisujo), **P. Biederlack S. J.** (Germanujo), D-ro **Joh. Mesner** (Aŭstrujo), Msgr. **Pfeiffer** (Ĉeĥ.), **Jean-Marie Tan** (Annujo).

La nombro de la kongresanoj ne estis granda, ĝi ne superis 70. Sed oni povas diri, ke preskaŭ ĉiuj estis fakuloj pri la temo pritraktota. Ne ekzistis en Bregenz pasivaj aŭskultantoj, kontraŭe ĉiuj aktive partoprenis en la debatoj, ĉu en ĉu ekster la kunsidoj. Do tiurilate la laborado de la kongreso de Bregenz estis plej fruktodona kaj vere ekzempla. Laŭ la temo oni vidas, ke estis multe da simileco kun la Laborista Kongreso de Kœln. Mi do jam citis unu preferon kompare al tiu kunveno. Sed mi devas ankaŭ montri la alian flankon. La Katolika Laborista Kongreso okazis en Kœln, do rekte apud unu el la plej gravaj eŭropaj industriaj regionoj, proksime ĉe la praktika apero de la problemoj. La IKA-Kongreso okazis for de la maltrankvila mondo, en la belega urbeto Bregenz, silente kuŝanta je la piedoj de la Alpomontoj. Vere, pli grandaj kontrastoj ne estas imageblaj ol Bregenz kaj moderna industriismo. Kaj ankaŭ la homoj ne ĉiuj estis venintaj el tiel proksima persona sperto de la ajoj kiel tiuj en Kœln. Eminenta ĉefo de la katolika sociala agado en Svisujo, kiu same kiel mi ĉeestis ambaŭ kongresojn, diris al mi: «Mi havas la impreson, ke en Kœln la homoj havis multe pli da kontakto al la realeco ol ĉi tie. Ĉi tie multaj venas el silentaj monaĥejoj kaj studoĉambroj for de la bruo de l'mondo. Kiom malmulte ili mem spertis la situacion!» — Ankaŭ mi estus dezirinta, ke oni estus pli multe kaj pli kuraĝe parolinta pri praktikaj aferoj. Ja estas tre grave kaj interese scii, kiamaniere. Sankta Thomas Aquinas vidas la rilatojn inter «justitia commutativa», «justitia legalis», kaj «justitia distributiva», sed estas necese paroli pri la **praktikaj aplikoj** de tiuj teologiaj ekkonoj kaj speciale kun konsidero de la nuna situacio. La opinioj ne estis unuecaj. Speciale interesa estis la diskutado pri la proprajo inter Pastro D-ro **F. X. Landmesser** kaj **P. Biederlack S. J.,** en kiu ĉefe la malfacila demando, kio en la socialaj postuloj estas **devo de la justeco** kaj kio estas «nur» **devo de la amo,** estis pritraktata. — Mi jam diris, ke mi estus dezirinta pli klaran ekkonon de la reala nuntempa situacio kaj de la minacanta katastrofo. Mi kuraĝis fari tiucelan antaŭenpuŝon en la diskutado de la imperialismo post la parolado de nia ĥina amiko **Tan.** Miaj «radikalaj» vortoj enkirasigis kelkajn eminentajn moralteologiistojn, kiuj defendis sian atakitan sciencon. sed tute ne respondis al la konkretaj riproĉoj. Ja por ni ĉiuj estas sen ia dubo, ke nia sankta religio enhavas la verajn principojn de la socia vivo same kiel de la individua vivo. Sed ĉu oni vere ĉiam agis laŭ ili aŭ sufiĉe klare elparolis ilin? Ĉu vere la moderna kapitalismo estus povinta estiĝi, se la katolika moralo ĉiam estus klare predikinta la neŝanĝeblajn postulojn de la justeco kaj amo (ekzemploj: rentumo, salajro ktp.)? Ĉu la moderna militarismo kaj ŝovinismo estus povintaj aperi sen troa silentado de tiuj, kiuj estis respondecaj pri la predikado de la katolika moralo? Sen ekkono de la malkorektaj en la pasinto ni ne povas veni antaŭen. — Se oni en kongreso kiel en Bregenz aŭdas la laŭdon de la moderna laborteknikо, tiam estas necese, ankaŭ rigardi la dorsflankon de la afero. Ni devas klare ekkoni, ke la bazo de la ekonomia liberalismo, kaj de ĝia infano, la kapitalismo, estas maljusteco, do ke ne sufiĉas plimildigi iajn ekscesojn de tiu sistemo, sed transformi la bazon mem. Mi opinias, ke oni pli en tiu «revolucia» spirito («revolucio» komprenata en la senco de la kristana justeco) devus paroli pri la modernaj ekonomiaj kaj socialaj problemoj. — Unu el la plej signifaj punktoj de la kongreso estis la parolado de **episkopo Waitz** pri **«Eklezio, socialismo kaj sociala problemo».** Tiu parolado estis tiel signifa, ke mi ne kuraĝas en kelkaj vortoj raporti pri ĝi. K. M. aperigos detalan resumon.

La **kongreslingvo** en Bregenz estis **germana.** Nur ĉeestis du kongresanoj, kiuj ne komprenis ĝin, kaj oni nur tradukis el aliaj lingvoj en germanan. Do la afero estis tre simpla. Tamen estas iom stranga la internacieco de kongreso, en kiu oni sukcesas per germana lingvo sola. Ĉu ne ekzistas la danĝero, ke tiel daŭrigante IKA fariĝos studrondo de katolikaj teologiistoj kaj universitataj profesoroj germanlingvaj ?

Kun iom da melankolio mi repensis en Bregenz, malgraŭ la nedubeblaj preferoj de la kongreso, al tiuj IKA-kongresoj, kiuj ja ne laboris sur tiel alta scienca nivelo, sed per la vigleco de siaj diskutadoj, per la fajro de la junaj aktivuloj, per la varieco de la multaj fakaj kunsidoj pri la plej diversaj aferoj de la katolika vivo kaj — per la vasta uzado de Esperanto ricevis tiun aspekton de entuziasmo kaj vera internacieco kaj tutmonda frateco, kiun neniam forgesos la ĉeestintoj...

La estonta IKA-kongreso okazos laŭ invito de **L'a Kardinala Moŝto Seredi** en **Budapest.** La Esperanto-Sekcio de IKA devos pripensi, ĉu ĝi aktive partoprenos en tiu kongreso, ankaŭ okazigante proprajn kunvenojn (kio en Budapest ne estos malfacila) aŭ ĉu ĝi okazigos ion alian. Ĉefoj kaj membroj elparolu sian opinion...

## LA INTERNACIA KATOLIKA LABORISTA KONGRESO EN KŒLN.

La evoluo de tekniko kaj industrio en la pasinta jarcento kreis la klason de la salajrolaboristo, t. e. homoj, kiuj nenion posedas krom sia laborforto, kiun ili vendas al la posedantoj de la produktiloj, do al la « kapitalistoj ». La jura sistemo, en kiu okazis tiu ekonomia evoluo, estis la roma-idolana koncepto de la «absoluta» kaj «sankta» proprajo. Bazite sur ĝi, kun la kreskanta signifo de la kapitalo ekregis la ekonomia sistemo de la liberalismo, subpremante kaj sklavigante la t. n. «kvaran klason», la «proletariaron». La reakcio kontraŭ la liberalismo kaj ĝiaj ekscesoj estis la **laborista movado.** En ĝin jam baldaŭ eniĝis kontraŭreligiaj kaj kontraŭekleziaj elementoj, tial la kristana laboristaro devis fondi proprajn organizajojn. Sur la kampo de la pure ekonomia interesbatalo ekagadis la **kristanaj sindikatoj,** por la aliaj, speciale la religiaj kaj kulturaj aferoj, devis zorgi la **katolikaj laboristaj** unuiĝoj. Ili disvastiĝis en diversaj landoj, tamen ĉefe en Belgujo, Nederlando kaj Germanujo. Je Epifanio 1923 iliaj delegitoj je la unua fojo kunvenis internacie en la silentaj ĉambroj de la dominikana monaĥinejo de **Konstanz am Bodensee,** por diskuti la utilojn kaj eblecojn de internacia organizo. En ĉi tiu jaro okazis en Kœln la Unua Internacia Katolika Laborista Kongreso, kiu definitive fondis la **Katolikan Laboristan Internacion.**

La kongreso havis du taskojn : I-e diskuti la aktualan teorian problemon : **« La signifo de la salajrolaboristo en la lumo de la katolika mondkoncepto »,** kaj 2-e priparoli la praktikajn demandojn de internacia organizo, akcepti statutojn por la nova Internacio, elekti ĝian estraron ktp.

La kongreson ĉeestis multaj centoj de rajtigitaj delegitoj, krome malgranda aro da «gast-delegitoj». Ankaŭ mi tre ĝojis ricevi inviton kiel gastdelegiton (reprezentante amikan organizajon). Mi ne scias, kiamaniere la delegitoj estis elektitaj, tamen mi opinias, ke tion ĉefe faris la distriktaj asocioj. Do la vasta plimulto de ĉiuj delegitoj estis germanoj. Grandetaj delegitaroj venis el Belgujo kaj Nederlando, el la aliaj landoj ĉeestis nur unuopuloj, parte eĉ ne reprezentante organizajojn, ĉar tiaj ankoraŭ ne ekzistas en iliaj landoj (ekz. en Francujo).

Nun pri la **teoria problemo.** La paroladoj faritaj de **F. Dr. Perquy O. P.** (Belgujo) kaj **Bernhard Letterhaus** (Germanujo) estis vere **eminenta okazaĵo.** Tiel imponan kaj klaran proklamon de la kristana justeco mi malofte aŭdis. Do tiurilate la kongreso plenumis sian taskon. Sed oni ne povas diri, ke tiu klarigo de la katolikaj principoj estas rezulto de la kongreso. Ĝi ne estis la sekvoj de internacia diskutado, sed la internacia kongreso estis nur la publiko, antaŭ kiu proklamado estis speciale valora kaj ricevis sian aŭtoritaton kaj sian praktikan gravecon, per la disvastigo en la katolika gazetaro ktp. Ja okazis diskutado en la kongreso, sed ĝi vere ne multe produktis. Kaj oni devas konstati, ke la vasta plejmulto de la delegitoj ne aktive partoprenis en la evoluo de la kongreso, sed nur ludis la pasivan rolon de mirantaj kaj aplaŭdantaj aŭskultantoj.

Pri la **praktika problemo** jam estas raportite, ke la Katolika Laborista Internacio estas fondita. En la diskutado oni aŭdis interesajn raportojn pri la situacio en la diversaj landoj. Statutoj kaj fina manifesto estas akceptitaj sen diskutado, tamen komprenebIe en specialaj kunsidoj de la ĉefoj oni pli detale parolis pri la organizaj aferoj. Pri la nova Internacio estu dirate, ke ĝi posedas fortajn asociojn aliĝintajn en Aŭstrujo, Belgujo, Germanujo, Nederlando kaj Svisujo, malfortajn asociojn en Polujo kaj Irlando kaj individuajn kunlaborantojn en malmultaj aliaj landoj. Do la internacieco ankoraŭ ne estas perfekta.

La **lingvan** problemon oni faris al si tre facila. Oni ne multe diskutis, kaj dum la diskutadoj oni nur tradukis, se hazarde iu franco aŭ polo parolis franclingve. La paroladoj estis ĉiuj tre longaj. Oni antaŭe presigis ilin en germana kaj franca lingvo kaj disdonis ilin jam antaŭ la legado de la manuskripto. Do tradukoj estis nenecesaj. En la fina demonstracio, kies paroladoj estas disvastigitaj per radio, oni por pli impona impreso farigis unu paroladon en franca, unu en nederlanda, unu en angla kaj la aliajn en germana lingvo. Nunjare la afero do estis tre simpla. Sed kiam la Katolika Laborista Internacio pli internaciiĝos kaj kiam vere la laboristoj mem volas internacie kunlabori, tiam por ili la lingva malfacilaĵo montriĝos en speciale akra maniero. — La Esperantistoj jam nun proponas sian helpon.

## LA INTERNACIA KATOLIKA ESPERANTO-KONGRESO en TILBURG

Venante al Tilburg, oni gajnis la impreson de bonege organizita kaj entuziasme aranĝata kunveno, kiu estis ĉiurilate granda progreso, kompare al la modestaj IKUE-kongresetoj en la pasintaj jaroj vere impona demonstracio de la katolika Esperanto-movado. 300 kongresanoj en katolika Esperanto-kongreso vere signifas ion. La nombro de la eksterlandaj kongresanoj ja ne estis alta, tamen la partopreno el 14 landoj ankaŭ signifas konsiderindan progreson en la internacieco de la IKUE-kongresoj. La kvalito de la kongresanoj kompreneble en kunveno, kies celo estas ĉefe demonstracia kaj propaganda, neniam estas komparebla al tiu en serioza science laboranta faka konferenco, tamen kelkaj ĉeestintoj sendube meritas la nomon de eminentuloj. Jen ekzemple *P. Decoene C. Ss. R.* el Mons (Belgujo), kiu jam antaŭ jardekoj en Ameriko al elmigrantoj ĉiunaciaj predikis en Esperanto, kiu sukcese uzadis la plingvon en la kanada indiana misio, kiu kiel unua en la Vatikano antaŭ la Sankta Patro paroladis en Esperanto, al kiu la granda samordenano *Kardinalo Van Rossum,* profekto de la Propagando, skribis la signifan frazon : « La Esperanto de D-ro Zamenhof faros grandajn servojn al la Eklezio ! » kaj kiu nun laŭ kuraĝigo de siaj superuloj tradukadas en Esperanton la verkojn de Sankta Alfonso de Liguori ; jen estis *pastro Violi,* sekretario de la Katolika Universitato de Milano (Italujo) ; jen estis multaj iamaj kaj nuntempaj pioniroj de la katolika Esperanto-movado kaj redaktoroj de katolikaj Esperanto-gazetoj kiel *Pastro Poell, D-ro Smulders, S-ro Heilker, Pastro Call, Preller O. Pr., S-ro Schendeler, Frato Wigbertus Van Zon* (Nederlando), *Pastro Ramboux, F-ino Larroche* (Francujo), *S-ro Hookham, S-ro Kaspar Mayr* (Anglujo), *Pastro Font-Giralt, Pastro D-ro Casanovas* (Hispanujo), *Pastro Kojalis* (Litovujo) ; jen estis *Heinz Kolvenbach,* landa sekretario de Paca Ligo Katolika kaj de MOKA (Germanujo), *S-ro Thœmmes* (Kœln), eldonejestro de Katolika Mondo, *pastro Wierzbica* el la redaktejo de la ĉefa pola gazeto Polak Katolik (Polujo), *Pastro Czech* kaj *S-ro Buhr* (Ĉeĥoslovakujo), *S-ro Macauley* (Irlando) k. a. ; jen estis inter la kongresanoj ankaŭ multaj estraranoj kaj sekretarioj de katolikaj asocioj aŭ institucioj.

La fakto, ke malgraŭ ĉio ĉi la kongreso ne havis konsiderindan signifon por la tutmonda katolikaro ekster la Esperanto-movado mem, estas tre bedaŭrinda kaj montras, ke ankoraŭ multe mankas en la katolika Esperanto-movado. Oni zorgis pli for fari la kongreson agrabla ol por fari ĝin valora. Regis tiu naiva kaj infana «Esperantismo», kiu neniom valoras por la praktika vivo (kvankam ĝi ofte estas antaŭŝtupo de pli se[illegible] agado). En la personaj interparoladoj oni plej multe okupiĝis pri. Esperanto aŭ la bona vetero, krome oni diligente kolektis propramanajn subskribojn de kiom eble plej multaj kongresanoj, kantis pri «nia bela afero», interŝanĝis vizitkartojn kun verda stelo kaj amuziĝis.

Kelkaj gvidantoj de IKUE jam antaŭ tri jaroj ekkonis, ke oni ne utiligas Esperanton por la katolikismo kaj la katolikaro, parolante en IKUE-kongresoj nur pri unuiĝaj aferoj. Pastro Ramboux tiam sukcesis akceptigi sian proponon pri «repreno de nia kongresa tradicio». Oni decidis, ĉiujare elekti *aktualan problemon* kiel kongrestemo. Tio signifis por IKUE gravan antaŭenpaŝon al serioza servado en la interesoj de la tutmonda katolikaro. Tamen tiu decido ĝis nun nur parte estas realigita. Ekz. en la pasintjara kongreso de Assisi oni pri la oficiala kongrestemo preskaŭ tute ne parolis. Tio ja ne okazis en Tilburg. Ta[illegible] la preparo rilate la oficialan kongrestemon [illegible]nis al mi tro eksteraĵa kaj malserioza. Oni estis decidinta diskuti en la kongreso pri la *katolika instruado.* Oni ja aŭdis el diversaj landoj raportojn, parte ili estis eĉ tre interesaj, sed mankis la unueca bildo, mankis ĉiu klara plano, mankis ankaŭ vere kompetentaj kaj fakulaj raportantoj. Mankis fine ĉiu konscio, kion signifas *kongrestemo.* La temo ne estis en la centro de la kongreso. Jes, oni aŭskultis pli aŭ malpli atente la raportojn, sed se vi poste iun kongresanon demandis pri lia opinio, li preskaŭ ĉiam nenion diris pri la enhavo, sed entuziasme respondis : « Ho, kiom flue kaj elegante tiu sinjoro parolas la lingvon ! » Inter la kunsidoj mi observis multajn privatajn interparoladojn, sed la sola afero, pri kiu neniu parolis estis — la oficiala kongrestemo. Neniam tiu serioza intereso, kiun oni ekzemple povis vidi en Bregenz, kie oni en privataj rondoj ĝis frue en la mateno diskutis la paroladojn aŭditajn, kie oni inter la kunsidoj fervore demandadis la paroladintojn aŭ la episkopon pri informoj kaj opinioj, kie oni atente notis fakliteraturon kaj adresojn de insitutoj, gazetoj kai asocioj.

La kongreso de Tilburg estis fidela spegulo de la nuna situacio de la katolika Esperanto-movado. Ekzistas katolikaj Esperanto-grupoj kaj kluboj. La membroj estas tre fervoraj, legas gazeton, kantas

la himnon, uzas poŝtukon kun verda stelo kaj enskribo «Esperanto» (bonega propagando!), interŝanĝas ilustritajn poŝtkartojn kun ĉiuj landoj (poŝtmrkojn surgluu bildflanke, mi petas!). — Due ekzistas katolikaj eminentuloj Esperantistaj. Ili havas grandan influon en la eklezia aŭ organiza vivo. sed seriozan laboron por Esperanto ili ne faras. Eble ili estas honorprezidantoj en ia Esperanto-ligo, vizitas ankaŭ kelkfoje Esperanto-kongreson, kie ili estas multe aplaŭdataj. Sed poste oni nenion plu aŭdas de ili. Katolikan Esperanto-gazeton ili ricevadas, sed nek legas nek pagas nek malabonas; se oni vizitas ilin, ili promesas ĉion, kion vi volas, sed poste ili realigas nenion. Jes, ni havas eminentulojn. — Aliaj katolikaj eminentuloj lernis Esperanton laŭ instigo de fervora propagandisto, sed poste ili ne povis tuj utiligi ĝin tiel, kiel tiu fervorulo estis promesinta, ili do denove forlasis la movadon en rezignacio... Kvare ekzistas fervoraj laboremuloj klopodantaj ĉie kaj ĉiam kaj ĉiel varbi kaj propagandi por Esperanto en katolikaj rondoj. Ili havas sukcesojn, ofte eĉ sukcesas malfermi pordojn al neimageble granda kaj promesoplena agadkampo, sed pro la nesufiĉeco de mono kaj tempo kaj la nesufiĉeco kaj nefidindeco de siaj samideanoj kaj pro manko de bone funkcianta organizo preskaŭ ĉio restas neeluzita...

Kiamaniere nun funkcias niaj organizaĵoj? Unue kelkaj vortoj pri *IKUE* (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista). Internacie ĝi nur faras sian propran organizan kaj administran laboron kaj eldonas malgrandan jarlibron kun la adresoj de la membroj. Krome ĝi eldonas la gazeton «Espero Katolika», kvankam ĝi ne estas posedanto de tiu organo. E. K. antaŭ kelkaj jaroj provis organizi internacian *gazetaran servon*, kiu tamen neniam funkciis. Dum kelka tempo ĝi iom sukcesis en Francujo, tamen post malamikiĝo inter la du ĉefkunlaborantoj (Pastro Ramboux kaj S-ro Delanoue) reiris al plej modesta funkciado. En konekto kun E. K. laboras la *Eldonsocieto Sankta Miĥaelo*, kiu unue ankaŭ nur vegetadis, sed nun sukcesis reeldoni la romanon Fabiola de Kardinalo Wiseman. Rimarkindan propagandon en la internacia kampo, ĉe la internaciaj katolikaj organizaĵoj kaj oficejoj ktp. IKUE ĝis nun ne faris kaj ne povis fari (escepte la kongresoj, kiuj trovis iom da eĥo en la katolika gazetaro). Ĝiaj gvidantoj estas afablaj homoj, fervoraj Esperantistoj, laboremaj sekretarioj, sed ili ne havas kontakton al la ĝenerala katolika organiza vivo, neniu konas ilin ekster la Esperanto-movado, ili ne havas influon en la nacia aŭ internacia katolika agado, ili ne havas la superrigardon pri tio, kio okazas en kaj inter la katolikaj organizaĵoj de la mondo. — La ĉefa apogo de IKUE estas ĝiaj *naciaj ligoj*. En ili parte oni povas konstati pli viglan agadon (ekz. Nederlando kaj Aŭstrujo), en aliaj landoj ili dormadas. Ĝenerale (kvankam kun kelkaj esceptoj) oni devas diri, ke ankaŭ ili ne havas kontakton al la katolika organiza vivo.

*Nun pri la Esperanto-sekcio de IKA.* Ĝi neniam funkciis kiel propra organizaĵo, sed fakte nur ekzistis IKA mem. Ĝi ne estas Esperantista asocio, sed grava kaj granda parto de ĝiaj ĉefoj kaj kunlaborantoj estas Esperantistoj. El ĝiaj 15 estraranoj elektitaj el gvidantoj de la katolika spirita kaj organiza vivo 7 komprenas Esperanton kaj 4 estas aktivaj Esperanto-propagandistoj. IKA havas rilatojn al la grandaj naciaj kaj internaciaj katolikaj organizaĵoj kaj do povus multe atingi tie. Nuntempe la sola organiza ligilo kuntenanta la Esperantistajn IKA-anojn estas Katolika Mondo. Ĝi havas pli multe da abonantoj ol iam havis ia Esperanto-gazeto katolika, kaj fakte la legantaro de K. M. nun estas la plej multnombra katolika Esperanto-organizaĵo. Nun ja oni devas konsideri, ke inter tiuj abonantoj estas multaj personoj, kiuj nur lernis Esperanton pro sia kunlaborado en IKA kaj kiuj ne estas perfektaj Esperantistoj, sed nur scipovas legi gazeton. Por ili Esperanto nur estas praktika ilo en la internacia kunlaborado de la katolikoj. Ili ne interesiĝas pri la organizo de la Esperanto-movado, ne scias, kio estas L.K., U.E.A., I.C.K., I.K,U,E, ktp,, ne estas membroj de Esperanto-klubo, ne konas la himnon, eble ankaŭ ne faras multe da propagando. Mi jam konstatis, ke IKA havas bonajn rilatojn al la katolika organiza vivo, sed pro sia propra nesufiĉa organizo ĝi ne multe sukcesis en la lastaj jaroj. La propagando estis farata tro sporade kaj sen sufiĉa koncentrigo de la fortoj. Fakte Katolika Mondo kaj ĝiaj gvidantoj estis devigitaj tiurilate fari ĉion, kaj tempo kaj mono estis tro limigitaj.

*Nun pri MOKA.* Ĝia agadejo estas la katolika junularo. Ĝi sukcesis pli multe konservi organizan firmecon kaj unuecon ol la Esperanto-sekcio de MOKA, ĝi havas bonajn rilatojn al aliaj organizaĵoj kaj samtempe havas fidindajn grupojn kaj naciajn sekciojn. Ĝi havis konsiderindajn sukcesojn, sed ankaŭ en ĝia agado la manko de mono kaj tempo malhelpis multe.

Tiel mi provis skizi la nunan situacion. Kio estas farota? Pri tio mi skribos en alia artikolo. Miaj opinioj estas kompreneble tute privataj kaj ne estas oficiala esprimo de iu organizaĵo. Sed tiel mi vidas la aferon, kaj nur se ni klare vidas, kio estas, kaj due, kion ni volas, tiam ni povas ekkoni, kia devos esti la estonta vojo. Kaj la kritika observo de la nunjaraj internaciaj kongresoj ŝajnas al mi esti tre taŭga por tiaj ekkonoj.

# Katolika Missio per Esperanto!

En multaj katolikaj misio-gazetoj kaj-broŝuroj ni povas legi pri la grandaj malfacilaĵoj, kiujn niaj misiistoj trovas en konvertado de riĉaj kaj kulturitaj idolanoj. Tiu ĉi personoj vivadas en bonaj ekonomiaj statoj, laŭ iliaj opinioj, kaj ili estas konvinkitaj pri valoro de sia idolana kulturo en sia lando. Ĉiam ili havas la plej grandan influon ĉe sia gento kaj per tio ili estas plej ofte grandegaj malhelpiloj kontraŭ katolika misiisto.

Estas klare, ke la konverto de homoj-ĉu riĉaj aŭ ĉu malriĉaj-dependas ĉiam de la graco de Dio. Sed ĉe la multego da malriĉaj idolanoj la misiisto povas subteni la gracon de Dio per sia preĝo kaj amo kaj precipe per helpo.

Lastan rimedon ne bezonas la kulturita, ĉar li jam ĝuadas la multajn diversajn rimedojn de sia idolana kulturo, kiu estas ofte granda aŭ riĉa, ofte ankaŭ antikva kulturo. Tiuj ĉi kulturaj rimedoj detenadas la civilizitan idolanon de la akcepto de sole vera kaj dia kredo. Ili ankaŭ disigas lin de la kompreno de beleco kaj grandeco de katolika religio.

Precipe la katolikismon, la plej videbla miraklo de nia sankta religio, la idolano nek povas vidi nek kompreni. Li neniam povas provi la realan tutmondecon kaj tuthomarecon de katolikeco. Do, la mirakla diferenco inter kotalika kaj idolana religio, tiu ĉi videbla signo estas nevidebla al idolano.

Kompreneble, la misiisto penadas demonstri per instruo kaj literaturo al kulturita idolano la grandecon de katolikismo; sed li nur povas paroli kaj demonstri en iu nacia kaj latina lingvo.

Ĉu oni povas demonstri internaciecon de katolikismo per naciaj helpiloj? — Certe ne facile!

Jen estas nova sankta kampo por Esperanto! Jen ankaŭ nova katolika laboro esperantlingva por I. K. A-oficejo!: Subtenu niajn katolikajn misiistojn per katolikaj esperantaj skribaĵoj, korespondaĵoj, kaj paroladoj! Al neŭtrala Esperanto la civilizita idolano estas ofte pli atingebla ol al iu nacia helpilo, kiu ŝajnas fremda al li. Per Esperanto li povas paroli kaj korespondi kun ĉiu katoliko en tuta mondo, ne nur kun misiisto kaj ties anaro. Esperantlingve li povas facile konvinkigi pri la miraklo de tutmonda katolikismo, kiun li trovos nur ĉe roma katolika religio en ĉiu lando de la tero. Tiel Esperanto povas fariĝi vojo por la graco de Dio!

GRAF.

# Framasonio kaj Ligo de Nacioj.

En svisaj katolikaj jurnaloj ni legas jenan artikolon certe ankaŭ interesa por katolikoj alilandaj:

Ĝenevo posedas novan kreaĵon de la internacia framasonio: la internacian cirklon de framasonoj. La Wien-a framasonia gazeto sciigas la fondiĝon de internacia framasona cirklo kiel ĝin anoncis autaŭ unu jaro en la Wien-a loĝio «Estonto» la franca «frato» Stephan Valot, ĝenerala sekretario de la internacia presa unuiĝo. La celo de tiu cirklo estas, laŭ dirita loĝia jurnalo, kunvenigi en «amikaj frataj rondoj» la multajn personojn apartenantajn al la Ĝenevaj unuiĝoj internaciaj (Ligo de Nacioj, internacia laborofiCejo, ruĝa kruco). La jurnalo plue sciigas, ke la cirklo ne okazigos ritajn ceremoniojn aŭ staros sub iu ajn estro framasonia. Ĝi estu nur ligilo inter la «fratoj» de diversaj landoj, kiuj «alie inter si ne trovus framasonian kontakton».

La loĝio âajne opinias naivega la «profanan mondon». La celo de la nova kreajo fakte nur estus starigi cirklon por loĝianoj ĉe la Ligo de Nacioj. Sed oni tre bone scias, ke troviĝas en Ĝenevo jam pluraj loĝioj de la svisa ĉefloĝio «Alpina», ankaŭ ke la ĉefkanceliero de la internacia framasonia unuiĝo estas en Ĝenevo. Ties adresoj estas konataj al ĉiu framasono, ĉar ili estas publikigataj en la «Dahlen»-jarlibro. Ĉiu ano de rekonita loĝio rajtas viziti iun ajn alian loĝion. Pro tio oni ne bezonis fondi propran cirklon ĉe la Ligo de Nacioj. La fondiĝo kontraŭe celas fortigi la influon de la framasonio al la Ligo de Nacioj kaj ties institutoj. La loĝio certe neniam disfamigos siajn verajn intencojn, sed ni katolikoj jam mem trovos la konkludon el tio, kion ni scias.

IKA-ano.

**1 + 1 = 2**

**Tio signifas: ĉiu leganto de KM., igante samideanon al abono je KM., duobligas la nombron de niaj leganto.**

## Hotelo Obladen

**KOLN, St. AGATHA 37**

Telefono Anno 405

---

Domo de pastraj ornatoj

KAJ ALTARAĴ GARNAJOJ

## JOH. BAPT. DÜSTER, KÖLN

**Fond. 1795**

UNTER GOLDSCHMIED 36 TELEF. RHLD. 9004

Malmultekosta livero de diservaj bezonaĵoj.

Tutmonda eksporto.

ONI SKRIBU AL K. M.

---

# BERICHTE

## zur Kultur- und Zeitgeschichte

Ĉefredaktoro:

NIKOLAO HOVORKA

**6 Numeroj (ca. kvaronjaro) 2.— R. M.**

**Gazeto (germanlingva) solvanta problemon de la spirita ekonomio. Ĝi estas precipe por la katoliko la plej malmultekosta kaj plej malmultan tempon konsumanta helpilo havigi al si estecan superrigardon al la religiaj, etikaj, kulturaj, literaturaj kaj artismaj, historiaj, socialaj, ekonomiaj, politikaj k. a. problemoj de nia tempo. Ĝi kondukas al la abundo de la gazetoj.**

Kelkaj el ĝis nun priparolitaj temoj : Internacia tutmonda helplingvo. Armata paco, militata milito. La naciaj malplimultajoj. Batalo pri nova ekonomia ordo kaj intenco. Pro la animo de la proletariaro. La manko de loĝoj. Agrara reformo kaj loĝigaĵo. La virinoj en la nuneco. Jazz kaj la krizo de la muziko. La mortpuno. La liturgia movado. La sopiro kaj voko al unueco de la eklezio. K. m. a.

*ABATO GENERALO d-ro J. KLUGER : La facileco kaj komforteco havigi al si tuj fidindan klarigaĵon pri nedeciditaj problemoj de la nuneco rekomendindigas viajn BERICHTE. — PAROĤESTRO EBERHARD LANGES, HAMM : La broŝuretoj fariĝis miaj spiritaj amikoj, de kiuj mi ne plu volus disiĝi. — PAROĤESTRO KAJ INSTRUA DEKANO NIK HOLZHEU, ZAIERTSHOFEN : Tia sana, koron refreŝiganta nutraĵo prezentata en tia nobla formo kaj metodo meritas plenan atenton kaj koran, sinceran dankon de la pastro.*

Mendu senkostajn specimenojn!

**REINHOLD-VERLAG** + WIEN IX/4., Löblichgasse, 3b.

---

## Multvaloraj etnologiaj verkoj,

### la plej bona kristnaska donaco!

**Ins Steppen- und Bergland Innerkameruns**

Aus dem Leben und Wirken deutscher Afrika-Missionare. Von P. Joh. Emonts S. C. J. 2. Aufl. 8º (414) Mit 174 Bildern und 2 Karten. In prachtvollem Leinenband RM. 8.00.

**La libro prezentas altajn etnologiajn kaj kulturhistoriajn valorojn en interesogaj skizo kaj lingvo.**

**Im Stromtal des Brahmaputra.**

Von P. Dr. C. Becker S. D. S., ehemaligem Apostolischen Präfekten von Assam. 2. Aufl. 8º (XX u. 584) Mit 172 Bildern und 3 Karten. Prachtleinenband RM. 11.00.

**Kiu deziras ekkoni la koron de Hindujo, tiu havigu al si ĉi tiun libron. La aŭtoro elfunde konas la kutimojn kaj lingvon de la triboj, kiujn li priskribas kaj li nin enkondukas en la verajn situaciojn tie regantajn.**

**Kath. Missions-Verlag A.-G., M. Gladbach**

Haveblaj pere de KM. kaj en ĉiu librejo.

---

## MÜNSTERISCHE MORGENPOST

(Munstera Matenpoŝto)

Katolika tagjurnalo

**Sociala, demokrata kaj respublikana Organo**

Aperas ĉiutage - dekdu aldonoj - ĉie disvastigata - efikplena anoncorgano - Esperanto-angulo - Gazeto por la popolo.

Demandoj kaj specimenaj ekzempleroj ĉe nia oficejo

**Münsterische Morgenpost**

MÜNSTER i. W. MICHAELISPLATZ ½

---

## Malmultekostaj poŝtkartoj

kun la bildo de Kristo de la Andoj kaj teksto esperanta.

Bona varbilo por niaj gesamideanoj.

**50 kartoj 2 sv. fr.**

**100 kartoj 3.50 sv. fr.**

Oni mendu ĉe

KATOLIKA MONDO,

**Kœln**-Lindenthal. (Germ.)

---

## PAGU PAGU VIAN ABONKOTIZON

---

## Havigu al vi

**por la longaj vintrovesperoj malmultekostan Esperanto-literaturon.**

**Naturscienco, Mondkoncepto, Religio,** de prof. Reinke 2. — sv. fr.

**Klari,** romano de Myriam Catalany, el franca lingvo tradukita de Em. Robert. 136 paĝoj 150 » »

**Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj** de Msgro. de Ségur 2.— » »

**La Reformanto,** de Carolfi, popola biografio de S. Francisko el Assisi 2,— » »

**La Origino de la Religio,** de P. Schmidt 0,80 » »

**Kiel mortis la unuaj kristianoj,** de Kraszewski 0,50 » »

**Nova Afriko,** de Monnens, S. J. 0,50 » »

**Universala Reĝeco de Jesuo Kristo,** papa encykliko 0,50 » »

**Parvuli,** Rakonto de Bessières, S. J. 0,50 » »

**La Batalo de l' Vivo,** de Charles Dickens, esp. Zamenhof 1,40 » »

**Kantaro Katolika,** kun muziknotoj, de Chiba 2.— » »

**Fabiola,** la fama romano pri la Katakomboj de Kardinalo Wisemann, 440-paĝa 8,— » »

**Fundamento de Esperanto** de Zamenhof, 5-lingva 1,75 » »

**Fundamenta Krestomatio** de Zamenhof, 600 paĝa 4.— » »

Ĉiuj libroj estas liverataj **afrankite.** Ankaŭ ĉiuj aliaj libroj estas tuj havigataj. Oni mendu per poŝtĉeko aŭ poŝtmandato.

KATOLIKA MONDO

**Kœln**-Lindenthal

---

## Abonprezoj por K. M. en 1928

| | | | |
|---|---|---|---|
| Anglujo | 4 s | Hungarujo | 4.8 Pen. |
| Argentino | 3 po | Italujo | 4 s |
| Azio | 4 s | Japanujo | 16 lir. |
| Aŭstralio | 4 s | Jugoslavujo | 60 din. |
| Aŭstrujo | 6.8 s | Latvujo | 10 lit. |
| Belgujo | 6.8 bel. | Litovujo | 4 s |
| Brazilio | 8 mr | Luksemburgo | 24 fr. |
| Bulgarujo | 120 lew. | Meksiko | 1 d. |
| Cehoslovakujo | 28 kc | Nederlando | 2.8 fl. |
| Centra Ameriko | 1 dol | Polujo | 8 Zl. |
| Danujo | 4 kr | Portugalujo | 16 esc. |
| Danzigio | 4 s | Rumanujo | 160 lei |
| Francujo | 24 fr. | Svedujo | 4 kr. |
| Germanujo | 4 RM | Svisujo | 5 fr. |
| Grekujo | 76 draĥ | Usono | 1 d. |
| Hispanujo | 6 pes. | | |

